1887-1987
Centjara jubileo de Esperanto

# HELECO organo de Astura Esperanto - Asocio

n-ro 57 (4) JULIO – AGOSTO/87



**ADRESO DE A. E. A.**

Str. Enrique Cangas, 25
Telefono, 341918 33206 – GIJON

– – – – – – – – –

**ENHAVO**

Paĝo



La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de A.E.A. Pri la artikoloj do, respondecas la aŭtoroj mem.
Depósito legal n-ro O/319/85

ANKORAŬFOJE...

Jes, kara leganto, ni ankoraŭfoje kaj bedaŭrinde estas devigataj pardonpeti pro malfrua aperigo de la antaŭa numero de "HELECO". Krom tian pardonpeton, ankaŭ fari - rilate la fakte sensukan enhavon de kelkaj el la kunlaboraĵoj, kiujn en tiu numero ni aperigis.

Kaj, kara leganto, des pli bedaŭrinda estas ĉi tiu refalo en ne decaja prokrastadojn, k.c., precize nun, kiam ni ekiras la vojon de la Dua Jarcento.

Do, por ne plu mencii promesojn pri - baldaŭa akurateco, pri ne pluaj malfruoj , kaj similaĵojn pri kiuj antaŭe ni ĉiumonate paroladis, ni nur vin memorigu pri tio ke, kompreneble, laŭ certe vi jam scias,la geesperantistaro, nia tutmonda movado devas ankoraŭ pli energie, entuziasme,sindone kaj kuraĝe labori por nia lingvo,por ties disvastigado, ol dum la ĵus pasinta Cent Jariĝo.

Ne forgesu ke la supre menciitan Duan Jarcenton ni devas festi por la efektiva - Triumfo de ESPERANTO !!

ADONIS

# La verda komisarejo



## OFICIALA KOMUNIKO

Lingvopolicanoj apartenantaj al la ĉefurba taĉmento "ZAMENHOF" arestis lastatempe, en nia distrikto de "HELECO", la lingvodeliktulojn, kies nomojn kaj fiagoj oni detalas ĉi sube.

En la n-ro 51(4)

La t.n. INFORMU, kiu uzurpas la metion de sia parenco INFORMAS en la 8ª linio de la 2ª kolumno de la paĝo 1.

La t.n. DE, kiu uzurpas la postenon de s-ro KE en la 9ª linio de la samaj kolumno kaj paĝo.

La t.n. FAR, kiu uzurpas la oficon de s-ro DE en la 11ª linio de la paĝo 2 kaj ripetas tiun fiagon en la 9ª linio de la paĝo 4.

La t.n. SUKCESINTAJ, kiu aŭdacis dejori antaŭ s-ro GESAMIDEANOJ en la 26ª linio de la sama paĝo, anstataŭ sin meti post li.

La t.n. RECIPROKE, kiu ne kapablis klarigi la kialon de sia ĉeesto en la 42ª linio de la sama paĝo.

La t.n. KOMPRENIĜI, kiu uzurpas la rolon de sia parenco KOMPRENIĜADI en la 48ª kaj 49ª linioj de la sama paĝo.

La t.n. KONVINKATAJ kiu uzurpas la profesion de s-ro KONVINKITAJ en la 2ª linio de la paĝo 3.

La t.n. DA, kiu uzurpas la okupon de s-ro DE en la 30ª linio de la sama paĝo.

La t.n. SIA, kiu uzurpas la metion de s-ino ILIA en la 32ª linio de la sama paĝo.

La t.n. KIAL, kiu uzurpas la oficon de s-ro KIEL en la 10ª linio de la paĝo 4.

La t.n. PROKSIMA, kiu aŭdacas paradi per la nenecesa finaĵo "n" en la 15ª linio de la paĝo 8.

La t.n. GOLEJ-ANGULO, kiu agas same en la 15ª kaj 16ª linioj de la sama paĝo.

La t.n. PROPRA kaj GOLEJO, kiuj agas same en la 16ª linio de la sama paĝo.

La t.n. PER, kiu uzurpas la metion de s-ro KUN en la 9ª linio de la 5ª kolumno de la sama paĝo.

La t.n. POR, kiu ne plenumis sian devon deĵori en la 3ª linio de la paĝo 12 inter s-roj OVO kaj ĈIU kaj agis same en la 9ª linio inter s-roj UNU kaj ĈIU.

La t.n. BRUNIĜAS, kiu uzurpas la okupon de sia parenco BRUNIĜOS en la antaŭlasta linio de la sama paĝo.

En la n-ro 52(5)

La t.n. SIN, kiu ne kapablis klarigi kial li estis deĵoranta en la 16ª linio de la paĝo 3.

La t.n. DE, kiu ne okupis sian postenon inter s-roj OKAZE kaj LA en la samaj linio kaj paĝo.

La ensemblo LIA MOŜTO LA REĜO, kiu uzurpas la oficon de la ensemblo LIA REĜA MOŜTO en la 19ª kaj 20ª linioj de la sama paĝo.



La t.n. LA, kiu sin trudis inter s-roj KUN kaj S-ROJ en la 25-an linion de la sama paĝo.

La t.n. PRI, kiu uzurpas la metion de s-ro DE en la 22ª linio de la paĝo 4.

La t.n. EKZORCOJN, kiu uzurpas la rolon de s-ro EKZORCAĴOJN en la 27ª linio de la sama paĝo.

La t.n. KIU, kiu uzurpas la profesion de s-ro KAJ en la samaj linio kaj paĝo.

La t.n. TEMOJ, kiu uzurpas la okupon de s-ro TEMAS en la 29ª linio de la sama paĝo.

La t.n. EMERITULOJ, kiu uzurpas la metion de s-ro EMERITOJ en la 33ª linio de la sama paĝo.

La t.n. ĜISREVIDEAOJ, kiu ne povis pruvi kontentige sian identecon dum li estis en la 38ª linio de la sama paĝo.

La paro EL'LA, kiu ne alkuris deĵori inter s-roj AJN kaj EN en la samaj linio kaj paĝo.

La t.n. KUNVENOJ, kiu aŭdacas deĵori sen la deviga finaĵo "n" en la 42ª linio de la paĝo 5, maldekstra kolumno.

La t.n. PRELEGOJ ka EKSKURSOJ, kiuj agas same en la 43ª linio de la sama paĝo, sama kolumno.

La t.n. DIVERSAJ kaj AKTOJ, kiuj agas same en la 44ª linio de la sama paĝo, sama kolumno.

La t.n. DA, kiu uzurpas la oficon de s-ro EL en la antaŭlasta linio de la samaj paĝo kaj kolumno.

La t.n. LA, kiu kontraŭleĝe aperas en la 8ª linio de la dekstra kolumno de la sama paĝo.

La t.n. PEJZAĴOJN, kiu uzurpas la metion de s-ro PEJZAĜOJN en la 26ª linio de la samaj kolumno kaj paĝo.

La t.n. PER, kiu uzurpas la rolon de s-ro AL en la 31ª linio de la cititaj kolumno kaj paĝo.

La t.n. JE, kiu uzurpas la okupon de s-ro DE en la 9ª linio de la paĝo 6.

La t.n. INICIADO, kiu uzurpas la profesion de s-ro INICADO en la 15ª linio de tiu sama paĝo.

La t.n. FACETOJ, kiu uzurpas la postenon de s-ro FACOJ en la 34ª linio de la 1ª kolumno de la paĝo 8.

La t.n. DE, kiu uzurpas la oficon de s-ro INTER en la 26ª linio de la 2ª kolumno de tiu sama paĝo.

La t.n. FEMURO, kiu uzurpas la metion de s-ro FEMURAĴO en la 3ª linio de la paĝo 12.

La t.n. KUBITRANĈU, kiu ne povis pruvi sian identecon kiam oni lin renkontis en la 11ª linio de tiu sama paĝo.

## G R A V E G A   A V E R T O

Speciale danĝera estas la paĝo 11, kie svarmas la lingvoteroristoj !

Pro ilia nekredeble grandega nombro, ne estis eble ilin ĉiuj aresti. Bone atentu do trairante tiun kvazaŭan neston de fiuloj !

Post ricevo de po kvin batoj per la kvin pintoj de la verda stelo sur iliaj vertoj kaj unutaga deviga restado en la PIV (Punaj Instalaĵoj por Vortfuŝistoj), ĉiuj tiuj deliktuloj estis liberigitaj.

Esperburgo, en la 14ª de Majo 1987

LA ĈEFKOMISARO,

Al. ZIBJADES

# Niaj Geamikoj el....

...Sovetunio

## Skize pri sukcena lando

"Kiel bela estas mia eta lando,
kvazaŭ guto de sukceno klara.
Ĝin mi amas pro teksaĵa arto,
pro la kantoj de vilaĝo kara...,"

S.Neris, fama poetino de Litovio

Ĉe eterne muĝanta Balta Maro situas Soveta Litovio, unu el dekkvin egalrajtaj, suverenaj respublikoj de USSR. Sufiĉis nur 46 jaroj por ke Litovio el ekonomie postrestinta agrara lando fariĝu en frata familio de popoloj floranta industria kaj agrikultura respubliko, plenmerite povanta fieri pri sia scienco, arto, kulturo.



Litovia SSR (65.200 $km^2$,3.500 mil da loĝantoj) ofte estas nomata Sukcena lando. Onidire iam sur la grundo de Balta Maro, en sukcena palaco loĝis la diino Jurate, kiu ekamis fiŝkaptiston Kastytis kaj al loĝis lin en la sukcenan palacon. Ĉefdio de antikvaj litovoj Perkunas (Tondro) eksciinte tion tre ekkoleris kaj ruinigis la sukcenan palacon. Li mortigis la bravan fiŝkaptiston kaj enkatenigis la diinon ĉe muro de ruinoj. De tiu tempo Jurate eterne lamentas pri sia malfeliĉa amo. Kiam sia lamento emociiĝas ekŝtormas mara profundaĵo kaj el ĵetas splitojn de ruinigita palaco. Oni diras ke plej etaj kaj diafanaj sukcen pecetoj estas larmoj de Jurate...

Litovoj apartenas al la balta tipo de hindo-eŭropanoj. Pro la longa izola



vivado en litova nacio kaj ĝia lingvo plej klare sentiĝas la resonoj de komuna hindo-eŭropa prapatrujo. Franca profesoro M.Meillet konsilas al tiu, kiu volas ekaŭdi eĥon de la antikva hindo-eŭropa lingvo, veni Litovion por ĝin aŭskulti. Certe pro tio en multaj universitatoj de la mondo oni studas litovan lingvon. Riĉa, plena da ĝojo, heroeco kaj doloro, estas la historio de Litovio: sindefendaj multjaraj bataloj kontraŭ krucmilitistoj, fondiĝo de unuiĝinta litova regno, malsukcesa unio kun Pollando, apartigo de la Granda Princlando Litova al cara Rusio... Ne multaj eksterlandanoj scias ke eĉ 40 (!) jarojn rusa cara reĝimo malpermesis presi kaj legi litovlingvajn librojn. Tiuj, kiuj ne obeis la malpermeson estis punitaj per malliberigo aŭ ekzilo al Siberio.

Unuaj esperantistoj en Litovio estis Klara Zilbernik (la edzino de L.Zamenhof) kaj ŝia patro Aleksandro Zilbernik. La domo kie ili loĝis nun staras ĉe strato L.Zamenhof en urbo Kaŭnas. Tamen vera esperantisto kaj propagandisto de Esperanto en Litovio estis A.Dambraŭskas (A.Jakŝtas).Li en la jaro 1980 eldonis unuan lernolibron de Esperanto por litovoj. La prelato A.Dambraŭskas ankaŭ verkis esperantlingve aŭ esperantigis litovajn kantojn, rakontojn.

Publikan karakteron ekhavis post 1904, kiam litova popolo rekonkeris liberon por presado de litovaj libroj kaj por organizoj. Aperis novaj Esperanto-eldonaĵoj, 1909 en Vilnius (ĉefurbo de Litovio) kaj sekvontjare en Kaŭnas fondiĝis Esperanto-rondetoj. En 1919 fondiĝis Societo de litovaj esperantistoj, kiu eldonadis revuon "Litova Stelo".

La esperantista agado en Litovio rekreiĝis en 1956. Fondiĝis Esperanto-rondoj aŭ kluboj en urboj Vilnius, Kaŭnas, Klaipeda, k.a. En 1979 fondiĝis Litova filio de Tutsovetia Esperanto-Asocio, kie unuiĝas pli ol 40 kluboj en diversaj urboj, urbetoj de la respubliko.

Indas substreki, ke D-ro. L.Zamenhof estis ligita kun Litovio: li naskiĝis en urbo Bialiystok, kiun fondis litova grandduko Gediminas (la urbeto ĝis 1795 apartenis al Litovio); en 1885 post diplomiĝo, li komencis labori kiel kuracisto en la litova urbeto Veisejai (Vejsjaj), kie pretigis por publikigo la vortaron kaj gramatikon de internacia lingvo. Li kaj Klara interkonatiĝis en Kaŭnas kaj ofte tie restadis. L.Zamenhof konsideris Litovion sia patrolando kaj pro tio publike deklaris 21.08.1907 en Londono dum akcepto ĉe la urbestro: "Vi staras nun antaŭ mia okuloj, mia kara Litovujo, mia malfeliĉa patrujo, kiun mi neniam povas forgesi, kvankam mi forlasis vin kiel juna knabo.Vi, kiun mi ofte vidas en miaj sonĝoj, vi, kiu nenia alia parto de la tero iam povas anstataŭi en mia koro, vi atestu, kiu vin pli multe, pli kore kaj pli sincere amas..."

VIKTORAS BANIULAITIS,
esperantisto el litova havenurbo
Klaipeda, ofta leganto de HELECO






Bulgario estas malgranda lando. Ĝi havas 111 milojn da kvadrataj kilometroj kaj 10 milionojn da loĝantoj. Ĝi estas fondita en la 681 jaro de ĥano Asparuĥ kiel slavbulgara ŝtato.

En ĝi estas engrupigitaj tre malsamaj formoj de la tera surfaco . Kune kun la Danuba ebenaĵo staras arbarriĉaj montaroj: Balkan(Stara planina), Rila, Rodopi, Pirin, k.a. Inter montaroj troviĝas bonaj rikoltriĉaj kampoj.

Ĉie la diverseco estas granda.

Subbalkana valo, inter Balkano kaj Sredna Gora, konsistas el kelkaj apartaj kampoj, el kiuj plej gravaj estas Kazanlâka, Karlova kaj Kalofera, kiuj estas mondfamaj pro rikoltado de rozfloroj, el kiuj ni fabrikas rozoleon kaj parfumon.

Tre fruktodona estas Trakia valo kun grava centra urbo Plovdiv (Filipopolis), fondita de Filipo Macedona.

En sudokcidenta Bulgario, sur la ebena antaŭmontaro de Vitoŝa, situas la ĉefurbo Sofia, kun loĝantaro pli ol unu miliona. Sofia estas politika, industria, kultura kaj esperantista centro de nia popola respubliko. Ĝi estas antikva bizanca regiona centro nomita Serdika, ricevinta en la 6ª jarcento la nomon Sofia laŭ novkonstruita preĝejo, dediĉita al la sanktulino Sofia.

La katedralo Aleksandr Nevski estas konstruita en la fino de la 19ª - jarcento, omaĝe al nia liberigo de la turka jugo. Ĝi estas la plej granda - preĝejo en la Balkanoj.

Grandaj kulturaj kaj industriaj centroj estas la urboj Varna kaj Burgas ĉe la Nigra Maro. Ili estas grandaj havenoj kaj ripozlokoj. Aliaj pli - grandaj niaj urboj estas Ruse, ĉe Danubo, Pleven, Ŝumen, Stara Zagora, Veliko Târnovo, antikva bulgara ĉefurbo, k.a.

Nia urbo Gabrovo kun loĝantaro 100.000ª estas je 47 km. de Veliko Târ-



novo. Ĝi situas sur la valeto de rivero Jantra kaj proksime al la montetoj de la norda deklivo de la Centra Balkano. Ĝin trapasas grava trapasejo, kiu kunligas la nordan Bulgarion kun la suda kaj Istambulo. Laŭ la legendo, Gabrovo estas fondita de Raĉo Forĝisto, kiu surforĝis la ĉevalojn de veturantoj sur tiu antikva romia trapasejo. En la lasta tempo oni malkovris multajn objektojn, kiuj esprimas, ke Gabrovo estis antikva traca loĝloko kun fortikaĵo. Ĝia loĝantaro estas vigla, entreprenema, laborema; en la pasinteco metiista, komerca kaj kultura centro de la lando. En Gabrovo estas fondita la unua gimnazio bulgara en 1835. Post la popola venko en 1944, Gabrovo estiĝis unu el industiaj kaj kulturaj centroj de la lando. Antaŭ 20 jaroj, laŭ la testamento de Vasil Aprilov, fondinto de la gimnazio en Gabrovo, estis fondita Supera maŝinelektrika instituto kaj kelkaj fakaj mezlernejoj. La unua teknika mezlernejo estas malnova kaj renomiĝita. Je 21 km. de Gabrovo, sur la montopinto Ŝipka, ĉe la trapasejo, superstaras la monumento de la Liberigo, por memoro de la decida venko super turkoj, de la rusa armeo parto kaj bulgaraj volontuloj, de la verŝitaj rusa kaj bulgara sangoj kaj dankemo al la fratoj rusoj.

Gabrovo estas konata ankoraŭ kun sia Etnografa muzeo "Etâr" kaj la Domo de la humuro kaj satiro, ankaŭ kun la anekdotoj pri la ŝparemego de gabrovanoj.

Je 12 km. sude de Gabrovo situas sur grandaj rokoj la historia Gabrova sokolski monaĥejo. Sokol, bulgarlingve, estas falko. Ĝi, kiel falko, estas sidiĝinta sur la rokoj.

Nun mi koncize rakontos pri la disvolviĝo de la esperantista movado en Bulgario kaj en nia urbo. Unu el la landoj, kie plej frue ekĝermis la esperantista movado estas Bulgario. Unu jaro post la apero de Esperanto, en 1888, en apartaj lokoj estis troveblaj individuaj personoj, kiuj lernis la lingvon per ruslingvaj lernilo j. En la sekvanta jaro, 1889, aperis la unua lernolibro por bulgaroj verkita de Miloslav Bogdanov. En la sama jaro, en Sofio fondiĝis "Societo de la amikoj de la tutmonda lingvo" kaj komencis aperi la gazeto "Mondlingvisto". Post 9 jaroj (1898) en Veliko Târnovo estis fondita loka esperantista grupo "Lumo". En 1900, en Plovdiv estas fondita la klubo "Stelo", kiu eldonis kelkajn lernilojn, kaj en 1902 komencis aperi monatan ilustritan gazeton: "Rondiranto". En 1904, en Stara Zagora, Vasil Tabakov, gabrovano laboran te tie ĉi, kun Sava Valĉanov kaj aliaj amikoj fondas esperantistan grupon.

Dum la somero de 1907, la grupo de Veliko Târnovo kunvokis la unuan kongreson, kiu fondis "Bulgaran Esperantistan Ligon". En 1908 okazis kongreso en urbo Ŝumen; en 1909 en Ruse kaj en 1910, en Sofio.

Vasil Tabakov revenas en Gabrovon en 1911 kaj kun la helpo de la instruisto kaj ĵurnalisto Dimitâr Malĉev kaj de kelkaj gabrovaj esperantistoj, de 1900 - 1904, fondis esperantistan societon, "Semo", laŭ la nomo de la semajna esperantista gazeto "Semo", eliranta tiu ĉi jaro en Gabrovo.

Post la Balkana kaj Unua monda militoj, la vivo de la bulgaraj esperantistaj societoj komenciĝis denove. En la sama jaro komencis aperi la gazeto "Bul

gara esperantisto" en Sofio kaj ĝia aperado daŭras ĝis nun. Esperanto estas - instruita kiel fakultativa lernobjekto ĝis 1925, kiam la leĝo pri la popola - instruado estis ŝanĝita.

En 1919, la gabrova esperantista societo restariĝis sian agadon kaj laŭ propono de la prezidanto Ĥristo Kolev, kiu laboris kelkajn jarojn en Germanio kaj konatiĝis persone kun Roza Ljuksemburg kaj Karl Libkneht la societo ricevis la nomon "Karl Libkneht". Sed en la fino de 1920 la societo ricevis pli - neŭtralan nomon, "Verda torĉo", kiu restas ĝis nun. Ĥristo Kolev, laŭ profesio fervojisto, en 1925 legis referaĵon pri Esperanto dum la nacia konferenco de fervojistoj kaj proponis Rezolucion pri deviga instruado de Esperanto por fervojistoj. Sed li malsaniĝis pri tuberkulozo kaj mortis en la sekvanta jaro, sen sukcesi efektivigi sian ideon.

Post 1936 - 1937 multaj esperantistoj estis progresemaj, pro kio esperantista movado estis suspektita; en Gabrovo kaj en aliaj urboj oni malfermis la societon.

Dum la Dua Mondmilito, multaj progresemaj junuloj esperantistaj estiĝis partizanoj kaj multaj el ili oferis sian vivon por la libero. De la gabrova - distrikto pereis 25 partizanoj esperantistoj.

Post la 9ª de Septembro de 1944, geesperantistoj restariĝis kaj vigliĝis sian agadon.

De 1981, Esperanto estas fakultativa lernobjekto en mezaj lernejoj kaj - en progimnazioj.

En Gabrovo, de kelkaj jaroj Esperanto-agado kaj instruado estas bonrezultaj, En la 1985-1986 lernojaro, laŭ la rezultoj de instrulaboro, la distrikto de Gabrovo estis la unua en la lando. En la distrikto funkciis 38 kursoj, kun 646 partoprenantoj. Nia societo havas ĉirkaŭ 150 membrojn.

Por la 100 jara jubileo la geesperantistoj de la tuta lando laboras de - 1984, oni preparis vastan programon. Per ĉiuj iniciataĵoj: solenaj kunvenoj , ekspozicioj, la Tagoj de la esperanta kulturo, renkontiĝoj, artikoloj en la - gazetaro, afiŝoj, k.a., la geesperantistoj celas popularigi la internacian lingvon Esperanto kaj doni estimon al ĝia kreinto. Tiu ĉi jaro sekvas multaj aranĝoj, kaj kulminpunkto estos la Universala Kongreso en Varsovio, en kiu partoprenos ankaŭ bulgaroj, ankaŭ gabrovanoj.

Bojana Prodanova el Gabrovo, Bulgario



SOLVOJ AL LA ENIGMOJ APERINTAJ EN LA 56ª NUMERO DE "HELECO"

SUPO DE LITEROJ:




HELECO - ENIGMO:

HORIZONTALE:

A) Sen. B) Honti.Grumo.Linko.Crgio.Omaro. C) Pro.Tro. Ĉ) Odo.Oro.Rento.Ordo.Ornitorinko.Lui.

VERTIKALE:

1) Kameleono. 2) Hobojo. 3) Igvano. 4) Gitaro. 5) Per. 6) Okro. 7) Saksofono. 8) Nekropolo. 9) Limako. 10) Teo. 11) Oazo. 12) Triodo. 13) Opa. 14) Omleto. 15) Opinii.

PERGAMENO: Laboro donas bonstaton, malaboro malsaton.

# La kristnaska promeso

P E R S O N O J

Pastro Tagart... iom kolerema.
Sakristiano O'Hara...... milda.
Fotografisto.
Policisto.
S-ino Faral.
Jaĉjo.......... kvinjara filo.

P R E Ĝ E J A   Ĉ E E S T A N T A R O

Loko... Preĝejo de la Sankta Familio.

Necesaĵoj... Kristnaska stalo kun kripo... forprenebla figuro de la bebo, Jesuo.

S C E N O 1

Tempo... Matene, Kristnasktago.

Loko... Apud la stalo en la preĝejo.

(La pastro alproksimiĝas la stalon sekvita je iom da distanco de O'Hara.)

PASTRO: (Kun subita konsterniĝo kaj laŭta krio.) La eta Jesuo mankas ! La kripo malplenas ! Iu ŝtelis la Sanktan Bebon ! Ho, kia terura afero !

O'HARA: (Mem rigardante la kripon.) Kial tio povis okazi ?

PASTRO: Iu prenis ĝin, kompreneble. Sed kiu ŝtelis ĝin ? Kaj kial ?... Kiam vi lastfoje vidis ĝin ?

O'HARA: Lastan nokton. Ĝi estis tie, post la noktomeza meso.

PASTRO: Ĉu vi certas ?

O'HARA: Jes, ĉar mi rimarkis S-inon Faral kaj la knabeton kiuj preĝis tie. Kiam ili foriris mi diris,"bonan tagon" al ili kaj mem restis por momenta preĝeto. (Post paŭzo.) Vi ne opinias ke ili prenis ĝin,ĉu?

PASTRO: Kia stultaĵo, O'Hara. Troviĝas neniu pli bona virino en la tuta paroĥo. Mi vespermanĝos ĉe ŝi hodiaŭ... Ho, kia terura afero ! Kial ĝi devis okazi ĉe mia preĝejo ! Nu, mi supozas ke vi devas sciigi la policistojn.

S C E N O 2

(Ĉiuj partoprenas. Tuj post la Kristnaskmatena meso - staras ekster la preĝejo en etaj grupoj kaj babilas - pri la nekredebla ŝtelado de la Sankta Bebo. Policisto faras demandoj al diversaj homoj. Fotografiisto faras bildojn pri la preĝejo kaj pri la pastro,ktp. Iom post iom ili malaperas.)

POLICISTO: Ni bezonos vin, pastro, ĉe la oficejo... nur por mallonga tempo.

S C E N O 3



(Ekster la preĝejo, post la foriro de ĉiuj. Sakristiano O'Hara venas sola el la preĝejo, skuante la kapon kaj murmurante.)

O'HARA: ...sed, ĉu povus esti, ke Dio mem prenis sian Sanktan Filon el la preĝejo ? Ĉu povus esti, ke Li estas malkontenta pri ni ? Eble ni tro interesiĝas pri mondaj aferoj, ne pri la signifo de ĉi tiu tago. Eble Li volas instrui al ni lecionon. (Li rigardas ĉirkaŭen.) Ho, la bela neĝo. Kian feliĉan tagon la infanoj ja havos!

(Subite aperas S-ino Faral tiregante la malvolontan knabeton, kiu, siavice, tiras novan ruĝan sledon kovrita per malnova mantelo.)

O'HARA: Gajan Kristnaskon, S-ino Faral ! (Rigardante la grimacantan vizaĝon de la knabo.) Kio estas ? Ne feliĉe je Kristnasko ? Kio okazis, fileto ?

S-ino.FARAL: (Interrompante lin, kolere) Kie estas pastro Tagart ?

O'HARA: Ankoraŭ ĉe la policejo, mi kredas.

S-ino FARAL: Ĉe la policejo ! Ĉu vi aŭdis tion, Jaĉjo ? Ho Dio, estas terure ! Kion ajn mi devus fari ?

JAĈJO: Mi ne faris ion ajn. Mi intencis reveni, kredu al mi, sinjoro.

S-ino.FARAL: S-ro. O'Hara, eble vi povus helpi min. Rigardu sur la sledon.

O'HARA: (Levante la mantelon kaj ekvidante la figuron de la eta Jesuo.) (Ĝoje) Ho, denove Li estas kun ni. Ho, dankon, Dio !

S-ino.FARAL: Mi hontas, sinjoro O'Hara, mi hontegas. Sed vere la infano ne komprenis tion, kion li faris.

JAĈJO: (Interrompante.) Jes, mi ja kompre......

S-ino.FARAL: (Interrompante.) Silentu ! Estas mia kulpo, ke mi ne pli bone instruis lin.

O'HARA: Vi volas diri, ke li vere portis la figuron el la preĝejo ?

S-ino.FARAL: Li faris, Li ja faris tion.

O'HARA: Imagu tion ! Nu, knabeto, tio estis malbona.

JAĈJO: (Petante.) Ĉio reboniĝos denove, ĉu ne ?

S-ino.FARAL: Li faris tion post la ellitiĝo. Evidente li iris rekte al la preĝejo.

O'HARA: Sed, kial ?

S-ino.FARAL: Sensensa li estas. Li diradas, ke li devis fari tion.

JAĈJO: Kaj mi ja devis, ĉar mi promesis.

O'HARA: Promesis ? Al kiu ?

JAĈJO: Lastan nokton mi promesis al Dio, ke se Li devigos Sanktan Nikolaon donaci al mi novan ruĝan sledon, mi donacos al Li la unuan veturon.

O'HARA: (surgenuiĝante por rigardi rekten en la knabetajn okulojn) Sed , kial vi volis fari tion por Dio ?

JAĈJO: Ĉar ĝi estas bonega sledo kaj mi kredis ke Dio ŝatos veturi sur ĝi.

O'HARA: (Levante la figuron de la eta Jesuo kaj rigardante unue ĝin, poste la sledon , ĝoje ridetante.) Lasu la knabeton libera, sinjorino , mi petas, kaj diru nenion plu al li. Li tute pravas. Mi kredas ke tian aventuron Dio ja vere ĝuis !

F I N O

Kunlaboraĵo sendita de Dobos Ferenc el Budapest, Hungario

# POEZIA ANGULO

# MI VIVAS NE MEMVIVANTE

Ne memvivante mi vivas,
ĉar tian vivon mi vokas,
ke mi mortas ĉar ne mortas.

GLOSO

Tiu ĉi kuniĝo dia
de l'amo de mia vivo
mian koron liberigas
kaj faras de mi kaptito
al Di' kiun mi aspiras.
Mi sentas ĝin tiel forta
ke mi mortas ĉar ne mortas.

Ho ! kiom longa vivado !
kiom severa ekzilo !
kiom rigora karcero
premante mian animon !
Tiel multe min doloras
nur atendi la eliron,
ke mi mortas ĉar ne mortas.

Sen ĝui nian Sinjoron
tre amaras nia vivo,
ĉar kiam nia kor' sentas
amon, esperon kaj fidon,
tiu ŝarĝo premangora
ne pezas. Helpu min Dio !
ke mi mortas ĉar ne mortas.

Certeco en mia morto
plifirmigas mian fidon,
ĉar tiu forpaso ĝoja
havas esperan signifon:
Alvenu haste bonvola
morto kiu donas vivon,
ke mi mortas ĉar ne mortas.

Zorgu ! ĉar am' estas forta;
ne estu tro ĝena, vivo !
Certe ke al ci nur restas
ŝanĝi cin por mort-feliĉo.
Venu jam la morto dolĉa,
venu jam kun gaja viglo
ke mi mortas ĉar ne mortas.

Kion al Dio mi povas
donaci el mia vivo
por ĝuadi Lin tutsola
se n'estas mia ekzisto ?
Forpasante mi nur volas
atingi Lin, ho aspiro !
ke mi mortas ĉar ne mortas.

Se mi ja de ci forestas,
kiel mi imagu vivon
se forpaso vere estas
la fino kaj ne premio ?
Pro malsan' tiel dolora
ĉagrenas mia spirito
ke mi mortas ĉar ne mortas.

Kiam mi ĝuas, Sinjoro,
esperante vian vidon,
mi sentas fortan doloron
perdante tian feliĉon...
En tiu esper' angora
mi vivas kun tia timo,
ke mi mortas ĉar ne mortas.

Tiu vivo enĉiela
fakte estas vera vivo,
kaj se oni ĝin perceptas
oni ĝuas jam feliĉon...
ĉar forpasante mi trovas,
agrablan tiun dèstinon,
ke mi mortas ĉar ne mortas.



Mi vivas ekstere de mi
de kiam pro am' l'ekzisto
kaj koro mi donas al Li.
Li mastras mian destinon
kaj per reklamo anonca
Li faris tiun indikon
ke mi mortas ĉar ne mortas.

Forlasu min senprokraste;
ne estu tro ĝena, vivo !
post forpasi, kion restas
krom ĝui Di' en intimo ?
Mort', kiun mi forte vokas,
konsolu min per trankvilo
ke mi mortas ĉar ne mortas.

Sankta Tereza de Jezuo, poezio el la 16ª jarcento.

Elhispanigis: Antonio Marco Botella.



MUZEO DE PACO KAJ SOLIDARECO EN SAMARKANDO

Laŭ iniciato de lokaj Esperanto-aktivuloj en Samarkando fondiĝis MUZEO DE PACO KAJ SOLIDARECO. En Muzeo, situanta en urbocentro, estas eksponataj diverspecaj pacpropagandiloj el pli ol 40 landoj de ĉiuj kontinentoj. La organizantoj de la unika Muzeo konstante kolektas ĉiulandajn kaj ĉiulingvajn afiŝojn, sloganojn, pentraĵojn, infandesegnaĵojn, fotojn, insignojn, gluetiketojn, librojn, revuojn, lumbildojn, T-ĉemizojn, balonojn kaj ĉiujn ceterajn materialojn - pri batalo de la popoloj kontraŭ militarismo, faŝismo, novkoloniismo, por la - Paco, socia justeco kaj progreso.

La Muzeo ankaŭ tre volonte akceptas dokumentojn rememorojn de veteranoj-kontraŭfaŝistoj, leterojn de diverslandaj pacbatalantoj. Tiuteme oni korespondas en Esperanto, la angla, rusa, uzbeka. Laŭbezone ankaŭ en aliaj landoj.

Bonvolu direkti ĉiujn kontribuaĵojn al:

MUSEUM OF PEACE AND SOLIDARITY

c/o INTERNACIONAL FRIENDSHIP CLUB "ESPERANTO"

P. O. Box 76

703000 SAMARKAND - USSR

Ĉiulandaj Esperanto-aktivuloj estas petataj subteni la iniciaton de samarkandaj esperantistoj, disvastigi ĉi tekston pri la Muzeo de Paco en la landaj porpacaj medioj, laŭeble aperigi ĝin en nacilingvaj periodaĵoj.

Anticipajn dankojn al ĉiuj helpantoj !